# BELGA ESPERANTISTO

DUMONATA REVUO

42a JARO — MAJO 1950

OFICIALA ORGANO DE REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Asocio sen profita celo, tute sendependa de partiaj agadoj.*
*SOCIA SIDEJO : 19, avenuo Montjoie, Bruselo.*

**1950**
**- nº 3 -**

Voor alle inlichtingen over Esperanto : — Pour tous renseignements au sujet de l'Esperanto :

**178, Peter Benoitlaan, Merelbeke (Gento)**

# 34a Belga Kongreso de Esperanto

**Spa, 27a ĝis 29a de Majo 1950.**

*« Unu Belga nacio — unu nacia Ligo — unu Belga Kongreso. »*

### HONORA KOMITATO

S-ro D-ro D. BARZIN, urbestro de Spa.
S-ro E. COLLIN, skabeno de Spa.
S-ro Kavaliro Ch. de THIER, administranto de « Spa-Monopole ».
S-ro P. DOMMARTIN, prezidanto de « Syndicat d'Initiative ».
S-ro M. de BOURNONVILLE, kasisto de « Syndicat d'Initiative ».
S-ro G. BORCKMANS, valona verkisto, prezidanto de Esperanto Grupo.
S-ro Deputito P. SERVAIS, Verviers.

### LOKA KONGRESA KOMITATO

S-ro J. DESONAY, 19, rue Sylvela, Spa. Tel. 729.
F-inoj J. kaj A. HOOFMANN.
Ges-roj DIDELOT-BORCKMANS.

# AL SPA !

Iom pli frue ni eldonis tiun kajeron de Belga Esperantisto por memorigi vin pri nia jara kongreso, kiu komenciĝos post kelkaj tagoj. Ĉiuj sciigoj ricevitaj konfirmas la ideon ke ni estos kore akceptataj kaj ke la diversaj aranĝoj ricevis la zorgojn necesajn, por ke ili estu perfektaj.

Vi do certe deziros profiti tiun okazon, pasigi agrablan semajnfinon en niaj belaj Ardenoj, en nia samideana atmosfero, renkonti malnovajn amikojn kaj interkonatiĝi kun la junuloj, espero de la estonto.

La urbo Spa atendas vin; la oficialaj instancoj ĉiamaniere montris sian deziron pliagrabligi vian restadon.

Restas al vi precize sufiĉe da tempo por sendi vian aliĝilon kaj rezervigi la ĉambron. Sendu do tuj la necesajn dokumentojn al Belga Ligo Esperantista, 19, avenuo Montjoie, Bruselo, **kaj samtempe la necesan monon** al poŝtĉek-konto 1337.67 de Belga Ligo Esperantista. De la 25a de Majo, ĉiuj komunikajoj pri la kongreso estu sendataj al S-ro J. M. P. Desonay, 19, rue Sylvela, en Spa.

Articles en français et en flamand, p. 22.
Artikels in 't Vlaams en in 't Frans, blz. 22.

## PROGRAMO

**Sabaton,** la 27an de Majo :

15a : Malfermo de la Akceptejo en « Syndicat d'Initiative », place Royale, Spa.
17a : Laborkunsido en Kazino.
20 ½ en Teatro de Kazino : Vesperfesto kie estas invitataj ĉiuj gekongresanoj. Poste balo en la dancsalonoj de la Kazino.

**Dimanĉon,** la 28an de Majo :

8.15 : Por la katolikoj, en la Preĝejo Sta Remaklo, diservo kun prediko en Esperanto.
10a : Demeto de floroj ĉe la monumento al la militmortintoj de la du militoj 1914-1918 kaj 1940-1945.
10.30a : Oficiala akcepto fare de la Urbestraro ĉe la urbdomo.
11a : Fotografado.
11.15a : Solena kongresa kunsido en Kazino.
13a : Festeno en Hôtel Britannique (prezo : 110 fr., servado enkalkulita).
16a : Vizito de la banejo.
17a : Koncerto en « Parc de Sept Heures ».
20 ½a : Koncerto kun la granda orkestro de la Kazino, kun la kunlaborado de nia samideanino S-ino Elsie LEFEBVRE-JANSSEN, pianoartistino. Poste balo.

**Lundon,** la 29an de Majo :

**Aŭtomobila ekskurso al la 4 lagoj.**

Je la 9a kuniĝo place Royale.
Vojiro : lago de Warfaaz, Tiège, lago de la Gileppe, Eupen, lago-barajo de Eupen, Baraque Michel, signilo de Botrange, la plej alta punkto de Belgujo, lago de Robertville, Malmédy, motorvetkurejo de Francorchamps kaj Spa.
Proksima horo de alveno : 13a horo.
Prezo : 110 fr. trinkmono enkalkulita.
La promenado okazos per aŭtomobiloj 5personaj.
Je la 13a : Komuna tagmanĝo (prezo : 65 fr., servado enkalkulita).
(Ejo konigota pli poste.)
Por la gekongresanoj kiuj restos en Spa ĝis mardo :

**Mardon,** la 30an de Majo :

Matene de la 9a ĝis la 11 ½a : Vizito de la uzinoj de « Spa-Monopole ».

## DUA LISTO DE KONGRESANOJ

60. S-ro L. Ritschie, Kapellen. — 61. S-ro G. Faes, Antwerpen. — 62. S-ino L. Faes, Antwerpen. — 63. S-ro D. Van der Stempel, Bruselo. — 64. S-ino R. Van der Stempel, Bruselo. — 65. S-ro R. Jaumotte, Wilrijk. — 66. F-ino M. Hofkens, Antwerpen. — 67. F-ino H. Hofkens, Antwerpen. — 68. S-ino L. Merckx-Herinckx, Antwerpen. — 69. F-ino F. Meulemans, Antwerpen. — 70. F-ino M. De Naeyer, Antwerpen. — 71. F-ino H. Toussaint, Antwerpen. — 72. F-ino E. De Winter, Antwerpen. — 73. S-ro H. De Honcht, Antwerpen. — 74. S-ro L. Janssens, Antwerpen. — 75. F-ino G. Toussaint, Deurne. — 76. F-ino M. Willems, Brugge. — 77. S-ro R. De Kegel, Charleroi — 78. F-ino E. Nachtergale, Gent. — 79. S-ro J. Verstraeten, Hoboken. — 80. F-ino E. Parson, Bristol (Anglujo). — 81. F-ino I. Van Parijs, Sint-Andries. — 82. S-ro K. Poupeye (filo). — 83. S-ino M. Elworthy-Posenaer, Sint-Mariaburg.

## KONGRESANOJ, ATENTU !

1. Ĉiuj aranĝoj komenciĝos kiel eble plej akurate, je la montrita horo.
2. La **Kongreskarto** devos esti montrata je la enirejo de ĉiu kongressalono. Vi jam ricevis ĝin antaŭ kelka tempo. Vi ne forgesu kunpreni ĝin. Metu ĝin **jam hodiaŭ** en vian paperujon, Sinjoro, kaj vi, Fraŭlino au Sinjorino, en vian mansakon !

**REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA**
Asocio sen profita celo.

## ĜENERALA LAŬLEĜA KUNSIDO

Ĝi okazis la 23an de Aprilo 1950, en Bruselo.

Prezidis D-ro Kempeneers, prezidanto; 35 membroj ĉeestis aŭ estis reprezentataj.

1. La kunsidantaro aŭskultis kaj aprobis la raporton de la administrantaro.
2. Ĝi aprobis la kalkulojn kaj la bilancon de la jaro 1949.
3. La kotizo por 1950 restas senŝanĝa. (Vidu p. 26.)
4. Budĝeto por 1950 estas aprobata.
5. **Laŭstatutaj elektoj.** — La kunsidantaro unuanime elektis administrantojn : S-inon J. Plyson; S-rojn G. Faes, G. Groothaert, M. Jaumotte, P. Kempeneers, R. Paulus, G. Poupeye, A. Tassin, G. Van den Bossche, Cl. Vandevelde kaj J. Verdier. Ĝi elektis komisarojn S-rojn J. Alofs, L. Everaerts kaj F. Mathieux.

La Ĝenerala Sekretario, CI. VANDEVELDE. — La Prezidanto, P. KEMPENEERS.

---

## FOR LA TIMEMON

Ĉu vere estas esperantistoj, kiuj timas montri al konatuloj (aŭ nekonatuloj) sian esperantemon ? La respondo ŝajnas esti jesa, ĉar en la revuo « Esperanto » (de U. E. A.) aperis alvoko de S-ro Tibor Sekelj, el kiu ni ĉerpas tion ĉi :

« Por lerni la internacian lingvon oni bezonas uzi ĝin en ĉiuspecaj homaj rilatoj » profitante ĉiun okazon por ĝia praktika aplikado. Se ni limigas nian Esperanton » al la klubaj kunvenoj kaj al la ilustritaj poŝtkartoj, ĝi ĉiam sonos en niaj oreloj » kiel fremdaĵo. Kun bedaŭro sed kun sincero necesa ni konfesu ke 80 % de nia » samideanaro ankoraŭ baraktas kun la gramatiko kaj la elparolo, eĉ dum la pli » simpla konversacio, elmontrante praktike la konsekvencojn de tia « dimanĉa » esperantisteco », laŭ kiu por paroli nian lingvon oni bezonas specialajn tagon » kaj horon kaj konvenan kluban ejon.

» Ni forigu la timemon, kaj ni faru Esperanton nia vera, natura lingvo. Kiam » ni renkontiĝas kun alia esperantano ni ekparolu en la internacia lingvo kvazaŭ » en la natura lingvo de ambaŭ. Multaj okazoj pruvis al mi ke aŭskultantoj » (neesperantanoj) en tiaj cirkonstancoj konvinkiĝas pri ĝia praktika uzeblo. »

Al tiuj bonaj konsiloj de S-ro Sekelj miaj belgaj samideanoj permesu ke mi aldonu ion : Nia « Belga Esperantisto » enhavas nacilingvajn tekstojn; se ĉiu ligano bonvolu ĉiufoje legigi ilin de « kelkaj » konatuloj, nia propagando pliefikiĝus. La persona propagando estas la plej efika. Esperantisto ne povas esti timemulo.

**Propaganda Sekretario.**

---

## ESPERANTO APLIKATA

En sia kajero de Februaro 1950, « Scienca Revuo », organo de I. S. A. E., resumis raporton de D-ro J. E. Holhstrom ce U.N.E.S.C.O. pri la sciencaj kaj teknikaj vortaroj. D-ro Holmstrom proponas ke por tiuj vortaroj oni uzu, kiel perantojn inter la diversaj lingvoj, la esperantajn terminojn anstataŭ indeksnombrojn. Jen unua paŝo de Esperanto ĉe O.N.U. Seriozaj interesiĝantoj pri tiu temo povas ricevi ekzempleron de la raporto de S-ro Holmstrom, skribinte al U.N.E.S.C.O., avenue Kleber, Paris XVI.

« Tähtitaivas », organo de Astronomia Observatorio de Turku (Finlando), presigis en sia deka kajero (1949) esperantan resumon de siaj diversaj Finlingvaj redaktajoj.

« Voĉo de Islando » havas en sia Decembra kajero (1949) interesan priskribon de la hejtadosistemo de la urbo Rejkjavik per varma akvo el varmaj fontoj.

« La Rondo », organo de Aŭstralia Esperanto-Asocio (Januaro-Februaro 1950), enhavas anglan tradukon de redaktaĵo aperinta en « Belga Esperantisto » (Oktobro 1949) pri la grava malutilo nomi erare Esperanton artefarita lingvo.

## ESPERANTO IS EEN VOLLEDIGE TAAL

Het Esperanto heeft tegenwoordig 4.300 stamwoorden die aanvaard zijn door zijn academie. Zij zijn van Romaanse, Germaanse en Slavische herkomst. Esperanto is dus neutraal onder oogpunt der nationaliteiten. Door eenvoudige bijvoeging der eindletters **i, o, a, e,** verschaft een stam van twee tot vier woorden : werkwoord, zelfstandig naamwoord, bijvoeglijk naamwoord, bijwoord. Het aantal woorden klimt aldus minstens tot **8.600.** Mits deze te verbinden met 30 voor- en achtervoegsels (die een standvastige betekenis hebben), kan men alle Vlaamse of Franse woorden vertalen, en zelfs bekomt men er andere die in deze talen ontbreken.

## ESPERANTO IS EEN GEMAKKELIJKE TAAL OMDAT ZE STRIKT REGELMATIG IS

Het alfabet van Esperanto is gevormd door Latijnse lettertekens die nooit van waarde veranderen; zes onder hen hebben een waarde die verschilt bij deze in het Vlaams of in het Frans; op deze manier is de schrijfwijze gans phonetisch. De spraakleer, zeer volledig, is volkomen regelmatig; zij heeft niet de ongerijmde spraakkundige geslachten, noch de overtollige verbuigingen; zij heeft geen enkele vervoeging der werkwoorden, zonder één uitzondering, zonder nutteloze verandering van uitgangen volgens de spraakkundige personen; een enkele manier om het meervoud der naamwoorden en hoedanigheidswoorden te vormen. Deze eenvoudigheid schaadt volstrekt niet aan de juiste en volledige uitdrukking van alle schakeringen van de gedachte; noch is zij oorzaak van eentonigheid.

---

## LANGUES ARTIFICIELLES ET LANGUE AUXILIAIRE NATURELLE

Domisol, solmido, farédo, silasol, sollasi, ... sont des mots « artificiels » d'une soi-disant langue internationale (le solrésol), dont tous les mots se composent exclusivement de quelques-unes des sept syllabes do, ré, mi, fa, sol, la, si, et que François Sudre proposa dans la première moitié du XIX^me^ siècle. Un tel système n'a aucun rapport avec les langues historiques; son vocabulaire monotone est très difficile à retenir. Il n'en est plus question.

Schleyer, l'auteur du Volapük, quoiqu'ayant, pour former son vocabulaire, puisé surtout dans l'anglais, a déformé les mots au point de les rendre méconnaissables; ainsi, « Volapük » est formé des mots anglais « world » et « speak ». Les mots anglais **papilio, pope, father, pepper, paper, pulse, people, poppet,** sont devenus respectivement **pab, pap, päp, pep, pöp, peb, pop, pub,** à peine distincts l'un de l'autre. C'est tout aussi « artificiel » que le solrésol, plus difficile à retenir et plus difficile à parler; on n'y est pas parvenu.

Zamenhof, l'auteur de l'« Esperanto », a pris les racines de ses mots dans les diverses langues européennes, en les déformant le moins possible, et seulement pour rendre l'orthographe complètement phonétique, comme ceci :
**abeille, chien, écrire, hôte, labourer, mou, oiseau, quai, saint, vaincre;**
**abelo, hundo, skribi, gasto, plugi, mola, birdo, kajo, sankta, venki;**
(**u** se prononce comme en allemand). « Langue mondiale » se traduit par « lingvo monda ». Tous les mots d'Esperanto ont une désinence sonore : **o** pour les substantifs, **a** pour les qualificatifs (**oj** et **aj** au pluriel; **j** se prononce comme en flamand); **i** est la désinence de l'infinitif de tous les verbes, **e** celle des adverbes dérivés. **La lingvo Esperanto estas origina NATURE de la lingvoj Eŭropaj, danke al la genia laboro de L. L. Zamenhof. Esperanto estas sen la komplikoj de la lingvoj ordinaraj.**

L'Esperanto seul est sanctionné par une importante littérature, en prose et en vers, formée, en soixante-cinq ans, d'œuvres originales et de traductions d'ouvrages célèbres.

## 35a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Parizo, 5-12 de Aŭgusto 1950.**

*Adreso* : 62, avenue de Clichy, Paris XVIII.

*Poŝtĉekkonto* 5208-57 Paris, 35a Universala Kongreso de Esperanto.

*Aliĝkotizo* : 2.000 fr. fr.; edzino, 1.000 fr. fr.; gejunuloj malpli al 20-jara, 500 fr. fr.

Se vi pagas pere de Belga Ligo Esperantista, poŝtĉekkonto 1537.67, la kotizoj estas, en belgaj frankoj : 300 por la kongresano, 150 por la edzino, 75 por gejunuloj ne pli ol 20-jaraj.

*Nombro de la Kongresanoj*. — 1.770, el 34 landoj, la 1an de Majo.

---

## BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — *Esperanto-Grupo « La Verda Stelo »*. — La reviviĝo de la grupo, kiu komenciĝis antaŭ nelonge, ankoraŭ ampleksiĝis dum la monatoj de Marto kaj Aprilo. Ĉiuj la aranĝoj estis ĉeestataj de 25 ĝis 40 gemembroj, inter kiuj diversaj gelernantoj.

Post la ĝuĝicu-vespero de S-ro Cattoir, kiu estis vere alloga kaj al kiu en ne-ordinara kaj plej amuza maniero partoprenis kelkaj el la gvidantoj de la grupo, la mitul-vespero de la Sankta Vendredo iĝis angil-vespero, kiu estis same bone ĉeestata kaj dum kiu regis plej agrabla atmosfero. S-ino Kempeneers honorigis ĝin per sia ĉeesto.

La 14an de Aprilo, S-ro Morris De Ketelaere prezentis la duan parton de sia parolado pri USONO kaj ĝuis reloje saman sukceson.

La 21an, la prezentado de la filmstrio pro « Nov-Zelando » okazis kun la helpo de S-ro Van Eynde, por la bildprezentado, kaj de la prezidanto, por la legado de la klariga teksto.

Multa ĉeestantaro sekvis, la 28an, la tre interesajn kvankam teknikajn klarigojn de S-ro Sielens, kiu poste vizitigis detale la instalaĵojn de la granda tagjurnalo « Volksgazet ».

Intertempe, S-ro Faes malfermis, en sia magazeno, novan elementan kurson, por kiu enskribiĝis dekduo da junaj kaj viglaj elementoj.

Konstatu ni, ke por la Kongreso en Spa, ne kalkulante diversajn enskribitojn kiuj ĝis nun ne estas certaj pri kunir-ebleco, jam dudek Verdstelanoj elsendis sian aliĝilon kaj mendilon. Inter ili pluraj novaj lernantoj.

*Programo de la venontaj kunsidoj*. — Kunvenoj ĉiuvendrede je la 20,30a en la salono (la etaĝo) de « Witte Leeuw », 4, Frankrijklei, Antverpeno :

5an de Majo : parolado de S-ro Roger Jaumotte, « Pri kaj por dikuloj kaj maldikuloj »; 12an de Majo : parolata ĵurnalo, plej grandparte dediĉata al parolado de S-ro Maurice Jaumotte pri « Parizo, urbo de la Universala Kongreso »; 19an de Majo : parolado de F-ino Hélène Hofkens, pri « Kelkaj pentraj artaĵoj »; 26an de Majo : niaj antaŭaj belgaj kongresoj (kun montro de bildoj, *alportotaj de la malnovuloj*); Sabaton, la 27an de Majo, posttagmeze : foriro al Spa; 2an de Junio : la Kongresintoj rakontas...; 9an de Junio : parolado de S-ro Hector Vermuyten, « La higieno en granda urbo »; 16an de Junio : parolado de S-ro Auguste Faes, « Mia vizito al Londono »; 23an de Junio : parolata ĵurnalo; 30an de Junio : amuza kaj luda vespero.

BRUSELA GRUPO. — La grupo kunvenas regule ĉiulunde kun nombro de partoprenantoj ĉiam pli granda.

*Programoj de la estontaj kunvenoj*. — Ejo : Brasserie Saint-Martin, place du Grand Sablon, 38, Grote Zavelplein, ĉiulunde je la 20a.

Junio : la 5an, raporto pre la nacia kongreso, parolata ĵurnalo; la 12an, je la 19.30, S-ro Van der Stempel gvidos perfektigan kurson; je 20.15, S-ino Stern, « Origino de la Puna ĵuro »; la 19an, S-ino Staes-Vandevoorde, « Poetino Virginie Loveling »; la 26an, S-ro Swinne, Esperanta traduko de la « Natura ekonomia ordo », legado kaj komuna korektado de la unuaj paĝoj.

Julio: la 3an, parolata ĵurnalo; la 10an, S-ro Van der Stempel, « La kantataj turoj »; la 17an, S-ro Everaets, « Ludonantoj kaj luprenantoj »; la 24an, S-ino Elly Staes, « Amuza vespero »; la 31an, F-ino Kestens, « Bibliografio de Esperanto ».

Aŭgusto : la 7an, speciala eldono de nia jurnalo; la 14an, Cieliro: ne okazos kunveno; la 21an, S-ino Richard; la 28an, raporto pri la Internacia Kongreso.

BRUĜA GRUPO. — La biblioteko estis reordigata kaj entenas plej interesajn librojn. S-ro Jadem prenis sur sin la taskon de bibliotekisto. La membroj povas sin direkti al li dum ĉiu kunveno por pruntepreni librojn. Ili memoru ke legado estas plej praktika metodo por rapida perfektigo de la lingvo. Muzika vespero okazis la 4an de aprilo. S-ro Groothaert komentariis

kaj disaŭdigis kelkajn artajn diskojn antaŭ plej atentema aŭskultantaro. Aliaj vesperoj estis uzataj por preparo al la Belga Kongreso : likvido de la kongresa ŝparkaso kaj pristudo de la temo : « Esperanto kaj Junularo ».

*Programo de la venontaj kunsidoj.* — Ordinara kunsido : ĉiumarde je la 20a, en la sidejo « Gouden Hoorn - Cornet d'Or ». Komitata kunveno la unuan de mardon de ĉiu monato, de la 19a ĝis la 20an, en sama ejo. Dum la unua duonhoro de ĉiu ordinara kunveno : Perfektiga kurso, poste :

Junio : 6an, F-inoj Yolande Van Parijs kaj Yvonne Poupeye raportos pri sia vojaĝo al Romo; 13an, por kaj kontraŭ vizaĝpentrado; 20an, debato pri ekskursoj; 27an, parolado pri televizio, de S-ro Karlo Poupeye.

Julio : 4an, parolado pri U. E. A. de S-ro Poupeye, del.; 11an, redakta vespero, prez. S-ro G. Groothaert; 18an, parolado pri orâjarto, de S-ro P. Jadem; 25an, humoraĵoj, prez. S-ro F. Verplancke. En okazo de bela vetero, iu aŭ alia el tiuj programeroj povos esti anstataŭata de vespera promenado.

*Tutmonda Junularo Organizo*, Belga sekcio. Celperanto : Cullus, 36, rue du Radoux, Braine-le-Château.

---

## NEKROLOGO

Meze de Aprilo mortis la patro de nia sindona kaj malnova samideano Louis Everaets, membro de Brusela Grupo de longaj jaroj kaj ankaŭ komisaro de Belga Ligo Esperantista.

Ni esprimas al li mem kaj al lia tuta familio niajn plej sincerajn kondolencojn.

---

## BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Poŝtĉekkonto 1337.67, Bruselo.*

### TARIFO DE LIBROJ KAJ PROPAGANDILOJ

| | |
|---|---|
| *La Mortado*, parolado de Prof. D-ro Hermann Nothnaegel, tradukita de Bernhard Seltzer ... fr. | 15.— |
| *Komercaj leteroj*, de C. A. Pruissen ... | 14.— |
| *Esperanto appris sans maître en quinze leçons*, de Henri De Coppet ... | 15.— |
| *Interlingvistiko kaj Esperantologio*, de W. Manders ... | 30.— |
| *Invito al ĉielo*, de James Sayers ... | 110.— |
| *Medicina Vortaro*, de Briquet ... | 100.— |
| *Esperanto langue des Nations Unies*, 100 ekz. ... | 10.— |
| 10 ekz. ... | 1.50 |
| *Esperanto en un coup d'œil*, 100 ekz. ... | 25.— |
| *Esperanto in een oogslag*, 100 ekz. ... | 25.— |
| *Propagand-ilustritaj poŝtkartoj*, po peco ... | 1.25 |
| *Essor de l'Esperanto* (franclingva), 4paĝa grand-formata gazeto, n-ro 5, po ekz. ... | 2.— |
| Restas ankoraŭ kelkaj numeroj 1. | |
| Abono al *Franca Esperantisto*, po jare ... | 50.— |

### TUTMONDA ADRESARO 1950

La Internacia Esperanto Muzeo en Wien preparas novan eldonon de la Tutmonda Adresaro. Belga Ligo Esperantista estas peranto por nia lando. Bonvolu do sendi al ĝi vian mendon laŭ sekvantaj kondiĉoj.

a) Simpla enpreso de la adreso kun eventuale 5vorta anonceto kiel : « 20jara fraŭlino deziras edziniĝi », aŭ « Del. de U. E. A., S. A. T., I. K. U. E. », aŭ « Ne korespondas », aŭ « kolektas poŝtmarkojn kaj ilustritajn poŝtkartojn », 12 belgaj frankoj.

Familiano kun sama adreso, sen anonco, 6 belgaj frankoj.

Por pliaj 5 vortoj en la anonco, 6 belgaj frankoj.

b) Mendo de la adresaro, 60 belgaj frankoj.

Ni speciale invitas la Grupojn presigi sian adreson kun indiko de la kunvenejo kaj tago kaj horo de la kunsidoj.

Skribu klare, se eble per skribmaŝino. La monon pagu samtempe al la poŝtĉekkonto 1337.67 de Belga Ligo Esperantista, 19, avenue Montjoie, Bruselo.

# BELGA ESPERANTO-INSTITUTO K. S.

26, Oostenstraat, ANTWERPEN

Poŝtĉeko n-ro 1689.58.

BAEKELMANS : *Elektitaj Noveloj* ... fr. 12,—
BAKKER, Hans : *Het Esperanto in een doosje* (spraakleer, sleutel en doosje met kaartenstelsel) ... 50,—
JAUMOTTE, M., kaj VERMUYTEN, H. : *Belga Antologio* (Flandra Parto) ... 50,—
CART et PAGNIER : *L'esperanto en dix leçons* ... 10,—
COGEN, L. : *La demando pri la plibonigo de la muzikskribo* ... 1,—
DEBROUWERE : *Zakwoordenboekje Esp-o-Nederlands en Nederlands-Esp-o* ... 5,—
DE TIERE, N. : *Devo de Reĝo* (Van der Biest) ... 5,—
DEVOS, J. : *La Sipelo* (Vandevelde, A.) ... 5,—
*Esperanto Leerboekje* (spraakleer, oefeningen, woordenlijst) ... 1,—
*Esperanto, premier manuel* (grammaire, exercices, vocabulaire) ... 1,—
*Esperanto Sleutel* (beknopte spraakkunst en woordenlijst) ... 1,—
FRUICTIER, P. : *Kompleta Gramatiko kaj Vortfarado de Esp-o* ... 40,—
GROSJEAN-MAUPIN : *Dictionnaire complet Esp-o-Français* ... 37,50
— *Dictionnaire complet Français-Esp-o* ... 75,—
— *Plena Vortaro de Esperanto* ... 177,—
GUIDO GEZELLE : *Se aŭskultas la animo* ... broŝ. 20,—; bind. 30,—
JAUMOTTE, Maur. : *Historio de la E. G. « La Verda Stelo »* ... 5,—
— *Kompleta Esperanta Rimvortaro* ... 10,—
KENNGOTT : *Internacia Dialogaro* ... 7,—
— *Internacia Teatrajetaro* ... 7,—
*Koresponda Kurso* : Kursus van Esperanto per briefwisseling in vijf lessen ... 20,—
— Cours d'Esperanto par correspondance en cinq leçons ... 20,—
NYSSENS : *Bonhumoro* ... 30,—
F. RANDI : *Esperanto Leerboek* ... 30,—
RELGIS, E. : *La humanitaristaj principoj. La internacio de la intelektuloj* ... 5,—
ROLLET DE L'ISLE : *L'Initiation à l'Esperanto* ... 7,50
— *Inleiding tot Esperanto* (Jaumotte, M.) ... 7,50
SABBE : *Bietje* (Van der Biest, W.) ... 5,—
SCHIDLOF's *zakwoordenboekje Esperanto-Nederlands en Nederlands-Esperanto* ... 37,50
SCHWARTZ : *Koro estas eta instrument' sekreta.* Kanto kun muzika akompano (Melodio de Kalmanowicz) ... 15,—
UNUEL : *De Internationale Taal, het vraagstuk en zijn oplossing* (Esperanto-tekst met vertaling van W. De Schutter) ... 5,—
— *La Langue Internationale, le problème et sa solution* (texte en Esperanto avec traduction par M. Jaumotte) ... 5,—
VAN SCHOOR, O. : *Judaso* (monologo por Sinjoro) ... 1,—
— *La Servistinoj* (monologo por Sinjorino) ... 1,—
— *La Telefono* (monologo por Sinjoro) ... 1,—
ZAMENHOFF, L. L. : *Fundamento de Esperanto* (franca) ... 10,—
— *Fundamento de Esperanto* (nederlanda) ... 10,—
— *Fundamenta Krestomatio* ... 50,—
Legosignoj el silko kun bildo de Zamenhof ... 10,—
Blankaj poŝtkartoj por korespondado, kun Esperanta stelo kaj teksto « Esperanto Lingvo Internacia » ... % 17,50; ‰ 150,—
Verdaj poŝtkartoj kun teksto kaj muziko de « La Espero » loko por adreso kaj korespondaĵo sur la dorsa flanko ... 0,25; % 20,—
Ilustritaj poŝtkartoj kun Esperanto-teksto :
Antverpeno (30), 10,—; Bruselo (30) 10,—; Kortrijk (10), 3,—.
Pri la Sepa Universala Kongreso de Esperanto Antverpeno 1911 ... 25 ekz. 10,—
Sigelmarkoj kun verda stelo kaj teksto « Esperanto Lingvo Internacia » :
Poŝtmarkformataj : fr. 3,— %; fr. 20,— ‰.
Rondaj : fr. 5,— %; fr. 35,— ‰.

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

ASOCIO SEN PROFITA CELO

*Prezidanto* : D-ro P. KEMPENEERS, 19, avenuo Montjoie, Bruselo.
*Vic-Prezidantoj* : S-ro M. JAUMOTTE, 44, avenuo De Bruyn, Wilrijck-Antwerpen.
S-ro A. TASSIN, 1, rue Saint-Joseph, La Louvière.
*Ĝenerala Sekretario* : S-ro Cl. VANDEVELDE, 178, Peter Benoitlaan, Merelbeke.
*Sekretario* : S-ro J. VERDIER, 78, avenue Marie José, Woluwe-Saint-Lambert-Bruselo.
*Kasistino* : S-ino J. PLYSON, 185, rue Jourdan, Saint-Gilles-Bruselo.

## KOMBINATAJ KOTIZOJ

## Reĝa Belga Ligo Esperantista kaj Universala Esperanto Asocio

I. *Simpla membreco* (enhavas membrecon al la loka Grupo — se ekzistas — al la Ligo kaj al la internacia organizaĵo; rajtigas ricevi la nacian gazeton « Belga Esperantisto » kaj la internacian kuponaron por servoj) ... ... ... ... fr. 80

*Familia membro* (same, escepte la gazeton) ... ... ... ... ... ... ... 40

II. *Membreco kun individua aliĝo* al la internacia organizaĵo :

a) *Membro kun Jarlibro* :
kiel simpla membro; ricevos krome la Jarlibron kaj ĝian aldonon ... ... ... 115

b) *Membro Abonanto* :
kiel membro kun Jarlibro; ricevas krome la monatan internacian gazeton « Esperanto »... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... 170

c) *Membro Subtenanto* :
kiel membro-abonanto; pagas pli altan kotizon por helpi la movadon ... ... 300

III. *Bonfaranta Membro* memvole aldonas almenaŭ 25 fr. al sia kotizo, speciale por helpi al R. B. L. E.

Pagu al via loka grupo; se ne ekzistas, al poŝtĉekkonto 1337.67 de Reĝa Belga Ligo Esperantista.

Imp. LIELENS, S. P. R. L., 18, rue de la Princesse, Bruxelles. — Téléphone 21.10.98